


K O N G R E S A   K U R I E R O
de la 62-a Universala Kongreso de Esperanto, Rejkjaviko 1977
N-ro 1   Provizora Redaktoro: Thomas Bormann (18)

Programŝanĝoj

Bonvolu noti jenajn programŝanĝojn (ŝanĝoj estas substrekitaj):

| | | |
|---|---|---|
| Junulara Vespero | Di 77.07.31, | 20h00-24h00 Studenta Kelo |
| Agado ĉe UN kaj ĝiaj instancoj | Lu 77.08.01, | 18h00-19h30 Thorbergur |
| Organiza kunsido pri ĥoro | Lu 77.08.01, | 12h30-13h30 Mudie |
| Nova Estraro de UEA prezentiĝas | Sa 77.08.06, | 15h00-17h00 Grabowski |

Aŭtobuso

Por la Interkona Vespero pluraj aŭtobusoj veturos ekde la 19h30 de la kongreseja domo Kalocsay al la Hotelo Loftleiðir.

Amaslogejo

La amaslogejo ankaŭ estas videbla sur la mapo sur paĝo 84 en la Kongresa Libro. Ĝi estas konstruaĵo 2, kun la nomo Baghy. Do ne estas ĝusta, kio staras en la Suplemento.

Inaŭguro

Dum la inaŭguro ĉeestos la prezidento de Islando, s-ro Kristján Eldjárn. Bonvolu veni akurate antaŭ la 10h00 al la sidlokoj, por ke li povu digne eniri la salonon.

Komuna foto

Post la malfermo je la 16h30 okazos komuna foto de ĉiuj kongresanoj antaŭ la Norda Domo (n-ro 13 sur la mapo).

UNESKO-ekspozicio

Dimanĉo (77.07.31) je la 13h30 malfermiĝos UNESKO-ekspozicio en la Norda Domo (13).

Manĝejoj

Vi havas la eblecon manĝi en la domoj Privat (11), Kalocsay (9), Norda Domo (13) aŭ en la Studenta Kafejo (17).

Komitato

Antaŭ la salono Hodler (en domo Zamenhof (14)) aperos informoj sur afiŝoj rilate la tagordon de la komitatkunsidoj. Tiuj kunsidoj estas publikaj; ĉiuj kongresanoj estas invititaj veni kaj aŭskulti.

Vendejoj

La vendejoj en Islando estos fermitaj dum sabato, dimanĉo, kaj ankaŭ dum lundo, ĉar tiu lundo (77.08.01) estos festotago.

Libroservo

Libroservo funkcios ekde lundo je la 09h00 en la domo Kalocsay (9) en la subetaĝo. Tie vi povos aĉeti multajn Esperantajn librojn.

Kvizo

Se vi deziras partopreni en la kvizo,bonvolu kontakti s-ron Charles Power (KKS, kongresnumero 937) per la mesaĝtabulo.

Orgenkoncerto

Merkrede (77.08.03) je la 21h00 okazos orgenkoncerto de s-ro David Hill en la preĝejo Neskirkja (1).

bonvolu turni

Taksioj

La taksioj en Islando estas plej facile rekoneblaj per tio, ke troviĝas flava ŝildo kun la litero "L" apud iliaj numerŝildoj.

Fumado

Sekve de multaj petoj kaj plendoj de nefumantoj, la Universala Kongreso definitive malpermesas fumadon en la kongresaj salonoj. Fumantoj prefere eliru inter kongresaj aranĝoj por sin kontentigi.

Fotado

Kvankam la Universala Kongreso permesas fotadon dum kongresaj aranĝoj, ĝi petas prudenton kaj konsideremon flanke de fotemuloj. Multaj sinsekvaj ekfulmoj kaj stariĝoj en nekonvena momento tre malhelpas la dignon de la Kongreso. Cetere, ekzistas oficiala kongresa fotisto, de kiu vi povos aĉeti belajn grandformatajn kolorajn fotojn. Precipe dum la inaŭguro, kiam ĉeestos multaj eminentuloj de ekster la movado (prezidento de Islando), kiuj eble prijuĝos nian aferon surbaze de siaj spertoj dum la inaŭguro, ni petas, ke kongresanoj bonvolu sin deteni de fotado.

Podia diskuto, teatraĵoj

Sur la biletoj por la podia diskuto kaj la teatraĵoj la datoj estas erare skribitaj usonstile (monato-tago-jaro). Atentu pri tio.

Banko

Dum sabato kaj lundo de 15h00 ĝis 18h00 funkcios banko en la kinejo (5), kie eblas ŝanĝi eksterlandan monon al islandaj kronoj.

Televido

La 22an de aŭgusto la Islanda Televido elsendos programon pri nia kongresa temo "La rajto je komunikado" kun esperantistaj fakuloj.

Poŝto

Bonvolu noti, ke malgraŭ informo en la Suplemento, la kongresa poŝtoficejo estos malfermita de mardo ĝis vendredo de 14h00 ĝis la 17h00 en la akceptejo (9).

Karavananoj atentu

Anoj de la karavanoj el Luksemburgo (krom tiu de f-ino Orsolini), Düsseldorf, Glasgovo kaj Londono, kiuj mendis sian bileton ĉe la kongresa administracio en Roterdamo, ricevos sian revenan aŭtobus-bileton ĵaŭde (77.08.04) ĉe unu el la giĉetoj.

La rajto je komunikado

Dum la kongresa semajno oni organizos kelkajn neformalajn diskutojn pri la kongresa temo, inter alie kun fakuloj esperantistaj kaj neesperantistaj. Se vi deziras esti invitita al unu aŭ kelkaj el tiuj diskutoj, bonvolu kiel eble plej baldaŭ plenigi la ĉi-suban formularon kaj transdoni ĝin al la giĉeto "Alvenintaj Poŝtaĵoj" por atento de d-ro Renato Corsetti (kongresnumero 101), kiu prizorgas tiun parton de la kongresa programo. Pri la kongresa temo vidu la paĝojn 20-24 de la Kongresa Libro.

---

Al: d-ro Renato Corsetti (kongresnumero 101)
Mi deziras partopreni neformalajn kunsidojn pri "La rajto je komunikado".

Nomo ______________________________ Kongresnumero __________

Lando ____________________ Profesio ____________________

Dumkongresa adreso ______________________________

4 gravaj petoj de TRIKSINI (pastro H. Kindler, Esperanto-Centro Luksemburgo, 1A rue des Bains, poŝtfako 268, telefono: 26878, priv. 435424.)

1) Bonvolu skribi al Radio Luksemburgo, Villa Louvigny, Luksemburgo por ke ili aranĝu en la estonteco Esperanto-elsendaĵojn. Ili jam faras ion p r i Esperanto.

2) Bonvolu skribi al la Eŭropo-lernejo Luksemburgo, por ke ili daŭrigu instrui Esperanton, almenaŭ en libervolaj kursoj. Mi volas ankaŭ enkondukigi Esperanton en Bruselo, Varese, Karlsruhe kaj Munkeno. En la Eŭropo-lernejoj studas geknaboj el ĉiuj ŝtatoj de la Eŭropa Komunumo.

3) Bonvolu skribi al la Turisma Oficejo "Syndicat d'Initiative" Luksemburgo, por ke ili eldonu denove la belan Esperanto-prospekton "Malkovru la verdan koron de Eŭropo" aŭ tutsimple demandu pri tiu prospekto, la stoko preskaŭ estas elĉerpita.

4) Bonvolu skribi al hotelo Holiday Inn en Luksemburgo, poŝtfako 512 kaj danki al la hotelestro, direktoro Hilkhuysen, ke li jam eldonis en tri hoteloj Esperanto-prospektojn. Tio helpos al likonvinki ankaŭ aliajn kolegojn.

Karaj kaj estimataj gesamideanoj, viaj leteroj multe helpus al mi kaj al mia laboro por la disvastigado de la Internacia Lingvo. Tio ne kostus multe da mono, nur iom da bona volo kaj tempo.

Koran dankon kaj ĝis revido,

via T R I X I N I

Rejkjaviko 77-08-05

1

VENAS LUMO

Venas lumo kun brilet´
sur erioforo.
Paŝas in´ per eta tret´
tra la koridoro.

2

DORMU, DORMU, MIA FLOR´

Dormu, dormu, mia flor,
pluvo triste zumas.
Viajn ludojn lasu for
dum malvarma, nokta plor´;
dormi ni devas dum la ter´ mallumas.

Kaŝas multon nokta fel´,
pezas menso mia.
Ofte kampon sabla ŝvel´
razis for en venta pel´.
Faŭkas en glacimont´ ravino kria.

Dormu longe en sekur´
dum la temp´ peziras.
Baldaŭ en la vivokur´
vin instruas sortodur´,
ke amas la homoj, perdas, plor-sopiras.

3

DORMIS KORVO EN FENDEG´

Dormis korvo en fendeg´
sur la mont´ dum noktoreg´,
kreskas nur malbono.
Antaŭ ol tagiĝis, ĝi
bekon tiris tuj al si
de sub granda ŝtono.

Cio frosta sur la ter´,
manĝomanko kaj mizer´
al mi mison faras.
Se al domo venas mi,
hund´ pelanta for de si
rubon al mi baras.

Morta , grasa ŝafo jen
kuŝas, por ni granda ben´,
viglis ĝi pli frue.
Gra, grak, venu korva grup´,
jen frandaĵo, nigra trup´
manĝu, manĝu plue.

KONGRESA KURIERO n-ro 2 77 08 01
62-a Universala kongreso de Esperanto, Rejkjaviko
Redaktoro: Thomas Bormann (0018)

Manĝejoj

La manĝejoj estas malfermitaj je tiuj horoj:
Norda Domo (13): 09h00 - 19h00
Studenta kafejo (17): 08h00-10h00, 11h30-13h30, 18h00-19h30
Kalocsay (akceptejo, 9): 09h00-12h00 13h00-17h00
Studenta kelo (sub 17,18): 14h30-18h00, 19h00-23h30 (nur sandviĉoj, kukoj)
Por la manĝaĵoj en la Studenta Kafejo kutimas antaŭe aĉeti manĝkuponon, por kiu oni ricevas ĉefan manĝaĵon inkluzive de supo kaj salato, kaj akvon. Ĉiuj aliaj trinkaĵoj kaj aldonaĵoj estas krome pagendaj.

Ekskursoj

La ekskursoj A kaj C tute elĉerpiĝis, kaj ankaŭ por ekskurso B provizore ne plu estas mendeblaj lokoj. Se vi jam mendis ekskurson, nepre ne forgesu kunporti vian pluvombrelon.
Ĉiuj ekskursoj B foriros merkrede (77.08.03) je la 09h00 ĉe kongresa aŭtobusejo.

Infanĝardejo

En domo Kalocsay (9) en ĉambro 308 nun troviĝas infanĝardejo. Gepatroj, kiuj lasas siajn infanojn tie, devas iam ankaŭ mem deĵori tie (t.e. gardi infanojn).

Komisiono pri Virina Agado

La Komisiono pri Virina Agado speciale atentigas pri sia publika kunveno marde (77.08.02) je la 09h00 en domo Kalocsay (9), salono Silbernik (etaĝo super giĉetoj). Okazos diskutrondoj pri diversaj temoj, inter alie: neesperantistaj edzigpartneroj, infanlibroj en Esperanto, virinoj al gvidaj pozicioj en la Esperanto-movado, kunlaboro kun neesperantistaj virinaj organizaĵoj, problemoj de handikapitoj, Esperanto kiel familia lingvo; diskuto pri la estonta agado de la virina komisiono - pliaj diskutrondoj povos funkcii laŭ sugestoj.

Neforgesebla dimanĉo

La inaŭguro de tiu ĉi kongreso certe estas neforgesebla pro la multaj eminentuloj, kiuj ĝin ĉeestis. La prezidento de Islando, s-ro Kristján Eldjárn, aŭskultis al la tuta inaŭguro. La ministro pri kulturo de Islando, s-ro Vilhjálmur Hjálmarsson, kaj la urbestro de Rejkjaviko, s-ro Birgir Ísleifur Gunnarsson, salutis la kongreson en bona Esperanto. Ambasadoro Ralph Harry prelegis pri la ĉefa temo de tiu kongreso 'La rajto je komunikado'. Post tio ni povis saluti la ĝeneralan direktoron de UNESKO, s-ron Amadou-Mahtar M'Bow. Li faris gravan kaj principan prelegon pri la Rajto je Komunikado. Poste dum komuna lunĉo kun la estraro de UEA, li diris, ke lin renkontis skeptiko ĉe siaj kolegoj en Parizo, kiam li anoncis sian intencon fari tiom gravan prelegon dum Esperanto-kongreso. Nun post sia ĉeesto al la kongreso li estas plene konvinkita, ke la Universala Kongreso ne estas bagatelaĵo, sed rimarkinda evento, kiu traktas gravan problemon. La sekretario de s-ro M'Bow atentigis, ke ne UNESKO diskonigos la partoprenon de sia Generala Direktoro kaj lian atenton al Esperanto. Do la esperantistoj, spertaj en informado, bonvolu fari tion memstare, prefere urĝe jam el Rejkjaviko, ĉar tio estas vera novaĵo el Esperanto-mondkongreso.

Raportoj por Gazetara Servo

Raportoj pri fakaj kunvenoj, kiuj estas faritaj por la Gazetara Servo, povas esti donitaj al la giĉeto 'informejo'. Tie troviĝas ujo por tiuj raportoj.

Perdita

Al s-ro Johannes (kongresnumero 966) mankas de lundo matene la pluvmantelo (brita tipo Burberry), kiun li pendigis en la vestiblo de la kinejo. Se iu kongresano prenis ĝin erare, ĝi bonvolu reporti ĝin al la giĉeto "Poŝto por vi", kie cetere kelkaj perditaj objektoj estas rehaveblaj.

Televido

Malgranda korekto al kuriero 1: televidelsendaĵo 77 08 12, ne 22.

fino KK 2

Diskutrondoj pri la rajto je komunikado
La tri diskutrondoj pri la kongresa temo okazos en jenaj salonoj kun jenaj gvidantoj: salono Wüster - prof. Frank, salono Kabe - ambasadoro Harry, salono Nylen - prof. Sussmann. Ili okazos ĉiuj ĵaŭde de 14h00 ĝis 16h00.

Por ke vi sciu ...
En la 1-a parto de la kvizo organizita kaj prezidita de s-ro Louis Beaucaire gajnis la teamo de: s-ro Bernard (franco), s-ino Helen Fantom (anglo), d-ro A. Goodheir (skoto). La 2-a bona teamo estis tiu de d-rino M. Boulton (anglo), s-ro K. Singh (anglo), s-ro E. Borsbom (nederl.). Dum la 2-a parto ĵaŭde de la 11h00 ĝis la 11h45 la du teamoj estas: mag. W. Auld (skoto), s-ino A. Fighiera-Sikorska (belgo), f-ino K. Kikuŝima (japano) kontraŭ prof. J. Régulo-Pérez (hispano), s-ino M. Chaldecott (aŭstralo), s-ro G. Grattapaglia (brazilano). La finalo de la 2 plej bonaj teamoj okazos vendrede (15h15-16h00) en la kinejo.

Superfluaj kronoj
Bonvolu bone legi la informojn en la Kongresa Libro (paĝo 75) pri la eksporto de islanda mono. Kongresanoj, kiuj deziras transformi siajn neuzitajn kronojn en guldenojn, rajtas redoni ilin (minimuma sumo: 3000 kronoj) al la giĉeto kaso post la Solena Fermo, por ke por ili estu malfermita kredito en konto ĉe UEA.

Validigo de refluga bileto
Nepre ne forgesu validigi vian reflugan bileton. Plej malfrue tio okazu 72 horojn antaŭ la forflugo. Alikaze via flugo malvalidiĝas. Tiu konfirmo estas havebla ĉe la oficejo de Loftleiðir en la urbo Rejkjaviko aŭ en Hotelo Loftleiðir. La oficistoj tie krome skribos en vian flugbileton, kiam kaj de kie forveturos aŭtobuso de Rejkjaviko al la internacia flughaveno Keflavík.

UNESKO: Malgranda, sed grava precizigo
Nia estrarano pri eksteraj rilatoj, d-ro Tonkin, atentigas, ke la aserto en kuriero 2, ke UNESKO ne diskonigos la partoprenon de sia Ĝenerala Direktoro en nia kongreso, estas eble miskompreniga. Temas, komprenelble, pri tio, ke UNESKO nenion specialan faros por diskonigi tiun partoprenon. Tamen, la paroladon de s-ro M'Bow estos publikigita en UNESKO laŭ la kutimaj kanaloj kaj distribuita al ĉiuj ĉelaj funkciuloj kaj instancoj. Ankaŭ verŝajne aperos oficialaj informoj pri la vizito en la eldonaĵoj de UNESKO. Pro tio des pli gravas, ke ni, niaflanke, aperigu saĝe elpensitajn novaĵojn en la publika gazeto.

Islando interesiĝas
Lunde (77.08.01) post unumonata paŭzo la Islanda televido denove elsendis programojn. Unu el la unuaj estis detala raporto pri nia UK. Ankaŭ la radiostacioj estas ege interesitaj kaj multe informas pri Esperanto kaj speciale pri la kongreso. Krome la gazetoj, kiuj dum la festotagoj ne aperis, des pli detale publikigis artikolojn pri la kongreso. Se ĉiuj Islandanoj estas tiom bone informitaj pri Esperanto, Islando eble ankoraŭ fariĝos verda insulo.
Se ankaŭ vi intencas informi viajn hejmajn gazetojn pri tiu kongreso, prenu de la Gazetara Servo esperantlingvan raporton, kiun vi povus traduki en vian nacian lingvon, kaj sendu ĝin al la cetera gazeto.
Ankaŭ pastoro Kindler havas sukcesojn kun siaj Islandaj kolegoj, nome la katolika episkopo de Islando, Hendrik Frehan, partoprenis al lia sankta meso. Li salutis esperantlingve kaj emfazis, ke Esperanto havas grandan valoron por la eklezio kaj speciale por li, kiu ofte celebras antaŭ internacia publiko. Li tuj petis informojn de pastoro Kindler por varbi por Esperanto inter kredantoj.

Postkongresaj ekskursoj
Jen la ekveturejoj kaj -horoj de la C-ekskursoj: C1: flughaveno Flugfélag (ne Loftleiðir), tempo anoncota. C2: kongresa aŭtobusejo je 08h00. C3: kongresa aŭtobusejo je 09h00. C4: flughaveno Flugfélag je 09h45. C5: flughaveno Flugfélag je 08h00 kaj 08h15. (Flughaveno Flugfélag sur mapo (p.82) en sekcio D2.)

Societo Zamenhof
Jam multaj demandis, kio estas Societo Zamenhof. Jen respondo: Krom sian UEA-kotizon oni pagas duoblan MA-kotizon. Por tio oni ricevos akcepton dum UK, personan leteron de la prezidanto de UEA kaj plurajn cirkulerojn, kaj vi speciale subtenas la asocion. Vi povas aliĝi ĉe UEA-budo post la solena fermo.

fino KK3

KONGRESA GAZETARA SERVO

Kiu estas Amadou-Mahtar M'Bow?

Faktoj pri la Ĝenerala Direktoro de UNESKO

S-ro Amadou-Mahtar M'Bow, la Ĝenerala Direktoro de UNESKO, kiu partoprenis kaj parolis en la Solena Inaŭguro de la 62-a UK, estas la unua afrikano elektita al la plej alta pozicio en la Organizaĵo de Unuiĝintaj Nacioj por la Edukado, Scienco kaj Kulturo. Li estis elektita por sesjara oficperiodo en novembro 1974.
S-ro M'Bow naskiĝis la 20-an de marto 1921 en Dakaro, la ĉefurbo de nuna Senegalo (Okcidenta Afriko). Li studis en Parizo kaj instruis ekde 1951 kiel profesoro pri historio kaj geografio en Maŭretanio, poste en Senegalo. En 1957 li estis kultur-ministro de la ĵus sendependiĝinta Senegalo, en 1966 li iĝis eduministro, en 1968 ministro pri junularo kaj kulturaj aferoj. En 1970 s-ro M'Bow estis nomita Direktoro de la Eduka Fako de UNESKO. En tiu ofico li pledis kaj aktivis precipe por la realigo de la rajto je edukado kaj por la reformo de la eduksistemo en la industriaj kaj evoluantaj landoj.

Kiam s-ro M'Bow transprenis sian oficon kiel Ĝenerala Direktoro de UNESKO, li diris: "De nun mi estas civitano de ĉiu lando, servanto al ĉiuj membro-ŝtatoj." Sian elektiĝon li nomis "paŝo antaŭen" en la direkton al malkonstruo de antaŭjuĝoj, kiuj ludis tragikan rolon en la historio de la mondo. "Mi konsideras mian elektiĝon kiel signon de rekono kaj respekto al la regionoj kaj popoloj en la Tria Mondo, kiuj tiel longe estis malhelpitaj partopreni en la farado de universalaj decidoj kaj sentebligi sian influon."

Kiel montris la ĝisnuna aktivado de la Ĝenerala Direktoro kaj kiel li mem deklaris dum la Inaŭguro, li dediĉas tre fortan atenton al la problemaro de internacia komunikado. Des pli atentinda do estas lia vizito al la Universala Kongreso - evento, kiu en la historio de la rilatoj inter UNESKO kaj UEA havas precedenton nur en la fama rezolucio de UNESKO pri Esperanto en 1954.